**Nepovažujeme za povinnost odpovídati na dotazy, k nimž nebyla přiložena známka na odpověď.**

# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ
# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**Kun literatura aldono**

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ


**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de CENTRA ASOCIO BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.) (OFICEJO: PRAHA II., VODIČKOVA ULICE 38.)**

Vychází 10krát ročně (kromě prázdnin).

Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk a vrací netištěné rukopisy, byla-li přiložena známka; práce původní mají přednost.

Předplatné v Rakousku 3 K, pro cizinu Fr. 3·75 = 1½ Sm.

Účet pošt. spoř. 93.281.

(Prosíme o adresy přátel Esperanta, kterým bychom mohli zaslati s úspěchem ukázkové číslo.)

Aperas dekfoje en jaro (krom libertempo.)

La redakcio rezervas al si la rajton aranĝi la artikolojn por preso kaj resendas manuskriptojn nepresitajn, se poŝtmarko estis almetita; artikoloj originalaj estas preferataj.

Abono en Aŭstrio 3 K, por la fremdlando Fr. 3·75 = 1½ Sm.

Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista en London. (Filio Dresden-Bankejo Arnhold.)

# Učebné pomůcky pro Čechy.

**ČLEN ESPERANTSKÉ AKADEMIE** (mluvnického odboru) **Antoni Grabowski** píše v „Pola Esperantisto“ 1913. 1.: KÜHNLOVA ÚPLNÁ METHODICKÁ UČEBNICE pro školy a samouky vyšla ve třetím doplněném a rozšířeném vydání. Již vnější stránka Kühnlovy Methody jest tak vábná, tak nádherná (velmi pěkný papír, tisk, sazba), že jest vskutku požitkem vzíti tuto knihu do rukou. Bohatý, výtečně zpracovaný obsah zcela odpovídá zevnějšku. Jsme tedy jisti, že učebnice ta, které, pokud nám známo, bylo používáno ve 150 českých kursech s nejuspokojivějším úspěchem, bude i nadále pomáhati se stejným výsledkem na šíření našeho drahého jazyka v pokročilých Čechách. Autor vždy hledí v první řadě k tomu, aby žáci postupovali od věcí známých k neznámým a vždy se snaží navazovati ve vysvětlivkách novinky na příbuzné body mateřštiny. Protože Kühnlova Methoda obsahuje kromě gramatiky, cvičebnice, rozmluv a slovníčků také dosti obsáhlý výbor esperantských článků o dějinách Esperanta, o jeho literatuře, o našich kongresech, organisacích atd., získá každý, kdo pilně prostuduje toto dílo, již dosti podrobnou znalost a poučení o našem jazyku a o naší věci. (*Cena K 2·40; stran 144.*)

**PODROBNÝ SLOVNÍK ČESKO-ESPERANTSKÝ** (asi 20 000 hesel) jest v tisku. **Slovník esperantsko-český** jest obsažen v českém vydání „Fundamento de Esperanto“ 1 K 10 hal. vyplaceně.



**ANSTATAŬ POLEMIKOJ.**

Krom vico da favoraj artikoloj en multaj boh. gazetoj (Nár. Politika, Nár. Listy, České Slovo k. a. pri la IX. kongreso) aperis en kelkaj (ekz. Středa, Obchodnické Listy) ankaŭ informoj pri „reformita“ E. La „informoj“ plejparte skribataj de s-o Chaloupecký, eksred. de „La Kulturo“ celas sendube elvoki polemikojn; sed laŭ nia opinio estas pli bone por movado serioza, kia estas nia afero, ignori la troskribeman aŭtoron kaj **pravi al la redakcioj per aludo je la gravaj sukcesoj de Esperanto**, ke la „pliboniga“ manio de la areto da Idistoj estas kapabla maksimume senkreditigi la helplingvan ideon antaŭ la publiko, se la preso senkritike kaj sole pro avideco je sensaciaĵoj liverus al ili lokon. Ĉiu informu vian redakcion pri la vera stato de la afero, se vi volas, ke nia komuna laboro ne estu ruinigata per ‚propagandistoj‘ suferantaj pro manio pliboniga!

*Prof. A. B. Svojsík:*

# LA BOHEMA SKOLTO.

Skoltado (scouting) estas moderna maniero de edukado, kiu principe estas fondita sur la fundamento de spertoj faritaj de tiuj homoj, kiuj devis vivi en primitivaj cirkonstancoj, en kiujn veni malofte havas okazon la hodiaŭa civilizita homo. La skoltado celas disponigi al la junularo cirkonstancojn similajn al tiuj, en kiuj kreskadis, sin trapuŝadis kaj vivis la unuaj koloniistoj, esploristoj, pioniroj de novaj direktoj kaj ideoj, homoj, kiuj el nenio per sia propra laboro kaj sprito trapenetradis al bonfarto, sukcesoj, digneco kaj al eminentaj pozicioj. La naturo, en kies sorĉan kadron estas la skolta edukado laŭ ebleco metita, estas ĉe tio ne sole grava eduk-ilo, sed pro sia romantikeco potenca logilo de junaj animoj, kiuj ĉiam revas pri io aparta, mistere dolĉa, kaj por kiu la magiaj sekretoj de la naturo ĉiam estas objekto de sopiro kaj miro. En sia principo estas vere la skoltado nenio nova, sed la neordinare feliĉa maniero, kiel ĝi sciis kunigi en harmonio la etikan edukadon kun la korpa, gajnis al ĝi amikojn inter ĉiuj kulturaj nacioj de la tuta mondo kaj ĝi havas jam pli multe ol unu milionon, laŭ iuj alilandaj gazetoj pli multe ol du milionojn da adeptoj.

En la vasta publiko superas ĝis nun ofte la opinio, ke la skoltado limiĝas je loĝado, respektive dormado en la naturo. Por ke oni havu okazon ekkoni la skoltadon en ĝia vera formo, por ke oni ekkonu, ke ĝi efektive estas kvintesenco de la vera „skolo de la vivo", aranĝis antaŭ nelonge la organizintoj de la bohema skoltado publike viziteblan tendaron en Praha. Estis elektita la plej simpla kaj natura formo: en tendaro pli vasta ol ĝi estas kutime, povis la vizitantoj dum unu tago informiĝi pri laboroj, kiujn la tendaranoj faras dum sia restado tagon post tago. Ekzistas tamen ankoraŭ multe da skoltludoj, kiujn oni ne povis eĉ sur tiu ĉi taŭga ekzercejo prezenti: la interesa observado de la naturo, tipaj ludoj kaj savaj laboroj, diversaj esplorekzercoj, unua helpo kaj precipe la vesperaj babiladoj ĉirkaŭ la fajrujo, spirantaj per intima sorĉo kaj poezieco. Sed malgraŭ tio prezentis la tendaro bildon sufiĉe vivan kaj varian kaj ĝi estis kolorabunda kalejdoskopo de laboroj kaj ekzercoj de nia junularo.

Ĉiu vizitinto trovis jam laŭ tio, kion el la multflanka skolta vivo nur parte kaj neplene oni povis elmontri, kiel grandan valoron havas tiu ĉi eduka sistemo laŭ morala flanko kaj kiel belan rezultaton ĝi povas atingi rilate la korpan taŭgecon. Kaj precipe tiun moralan flankon kaj fundamenton de la tuta movado ni retoje kaj denove akcentas. Tiu edukado de energio, memstareco, sinoferemo, modesteco, veramo en penso kaj ago povas enpremi pli ol unu belan trajton en la karakteron de la bohema junularo.

(Baldaŭ komencos en Praha aperadi monata gazeto „Junák“, kiu fariĝos ŝatata organo de ĉiuj bohemaj skoltoj. Ni esperas, ke niaj fremdlandaj samideanoj donos al la bohema junularo okazon konvinkiĝi per korespondado pri valoro de Esperanto por la neeviteblaj rilatoj internaciaj.)

# PARIZO

## LA URBO DE LA X^a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (AŬGUSTO 1914).

(*Cl. Colas*: *„Tutmonda Jarlibro Esperantista 1913—1914“*.)

Kiom da bildoj, kiom da memoroj, kiom da mizeroj ŝpruciĝas en nia fantazio la nura elparolo de tiu magia nomo: Parizo!

Parizo! Civito de Lumo, de freneza gajeco, de laboro, de scienco, de eleganteco, de komerco!... Parizo! Civito ankaŭ, ho ve! de doloro kaj de sennombraj mizeroj.... Kiel ĝin priskribi?

La Dramo kaj la Komedio en ĝi vivadas flanko ĉe flanko; la lukso kaj la malriĉeco tie sin renkontadas de mateno ĝis vespero; la plej heroaj virtoj kaj la malvirtoj plej malnoblaj floradas egale sub ĝia suno.

Parizo estas samtempe, el ĉiuj urboj, la plej franca kaj la plej kosmopolita; ĝi portas en si mem kvazaŭ la kvintesencon kaj resumon de la tuta mondo. La historio de la homa civilizacio estas intime ligita kun la historio de Parizo mem. Ĉiuj fluoj de ideoj, — politikaj, filozofiaj, socialaj, literaturaj, — devas, kiel nepra kondiĉo de sukceso en la mondo, ricevi en Parizo kvazaŭ konsekradon kaj baptiĝon....

Se la mondo bezonus ĉefurbon, kiu loko meritus, pli ol Parizo havi tian titolon? Ĉu, cetere, ĝia rolo estus ŝanĝita?...

Se, kiel simpla trapasanto, vi unu tutan tagon promenas en la diversaj partoj de la „Lumurbo“, atente rigardante, kun filozofia subintenco, la milojn da gevivantoj, kiujn vi renkontas sur via vojo, vi havos jam tre interesan ideon pri la elementoj, el kiuj ĝi konsistas, kaj pri la vivado de la Parizanoj.

Ni faru spirite — tre rapide — tiun trairadon....

... Jam sonis la sepa matenhoro. Ĵus pasis en la bulvardoj kaj stratoj de nia ĉefurbo la „aŭtobalailoj“.... Amaso nekalkulebla da homoj trairas la trotuarojn, preskaŭ kurantaj.... Plenaĝaj viroj, junaj virinoj, junuloj, kaj ĉefe junulinoj, — junulinoj simple kaj gracie vestitaj per helaj korsaĵoj, — marŝas rapidege, kvazaŭ puŝataj de iu mistera sento. Ili estas la laboranta klaso de Parizo: gelaboristoj, geoficistoj, kiuj iras al sia ĉiutaga laboro....

Dum parto da ili saltas sur tramveturilon, centoj subite malaperas sub tero: aliaj eliras, kiel talpoj, el subteraj lokoj.... Ne

miru! La „metro“[1] — tiel la Parizanoj nomas la subteran vagonaron, — funkcias, kaj kun elektra rapideco transportas, de unu parto al la alia de la urbo, nekredeblan nombron da vojaĝantoj premataj unuj ĉe la aliaj, en la vagonaroj, kiel sardeloj aŭ haringoj en mallarĝaj skatoletoj.

Ĝis la naŭa horo tiu freneza movado daŭras, daŭradas senĉese. Kaj la vagonaroj, alvenantaj de la ĉirkaŭurboj, vomas seninterrompe milojn da geoficistoj....

Daŭrigu vian promenadon... Parizo nun estas tute vekiĝinta.. Tra la bruo, tra la movo, iru antaŭen.

Sed, atentu! En nenia loko en la mondo kuras tiom da aŭtomobiloj kaj aŭtobusoj.... Tra tia labirinto da veturiloj, en kiu, se vi ne sufiĉe atentus, vi riskus esti mortigata, disŝirata, dispecigata ĉiuminute, imitu simple la knabinojn, kiujn vi renkontas: kun siaj ŝultroj terure ŝarĝitaj de peza paketo, ili tamen scias trankvile kaj senĝene transiri de unu stratflanko al la alia.

Sed.... Vi jam estas laca pro tiel longa marŝado.... Jen *la Seine*, nia kara rivero, la *Sequana* de la Latinoj.

Alproksimiĝu kaj malsupreniru! Sidiĝu sur la ferdeko de la unua vaporboato, kiu tuj trapasos.... Jen ĝi!... Unu minuton da halto, kriosimila fajfado, kaj la boato glitas... dolĉe, senbrue, malpeze, sur la ondoj....

La ĉefaj monumentoj de Parizo trapasas antaŭ viaj okuloj... Ĉu ĝi estas sonĝo, aŭ kinematografa vidaĵo? Ne! Ĝi estas la realo mem!

Kun emocio vi rigardas la ĉefpreĝejon „Notre Dame“, mirindaĵon de arto, kiu staradas majeste, kun siaj du gotikaj turoj kaj sia altega pinto penetranta la ĉielon, kiel preĝo.... De sep jarcentoj ĝi estas tie, netuŝita, respektita de la tempo kaj de la homoj, — silenta, sed tamen elokventa ĉeestinto de ĉiuj okazaĵoj en nia historio, feliĉaj aŭ malfeliĉaj....

Iun tagon, la genia aventuristo nomita Napoleono, atinginte la superan gradon de sia gloro, trapaŝis solene la pordon de tiu preĝejo, meze de popolo lin freneze aklamanta; kaj la papo, speciale venigita el Romo, prezentis al li imperiestran kronon....

... Sed ne estas la horo pripensi tiujn historiajn faktojn aŭ admiri la belegecon de tiuj skulptaĵoj: Vi ĝin vizitos poste....

„Notre Dame“ jam tute malaperis malantaŭ vi, kaj nur profiliĝas super la domoj, kiuj ĝin kaŝas, la malpeza pinto de ĝia alta tureto.

---

[1]) „Metro“ = mallongigo de „metropolitana vagonaro“.

. . . Vi nun ekvidas je via maldekstro kupolon . . . . Ĝi estas la *Institut de France*, — kunvenejo de niaj „akademianoj“, t. e. de la plej famekonataj viroj en la literatura, scienca, arta, beletristika kaj morala kampoj. Salutu, trapasante! ĉar inter ili troviĝas samideanoj, kaj la nomo de Esperanto jam estis simpatie elparolata sub tiu kupolo, de kelkaj el tiuj gravaj kaj solenaj scienculoj. . . .

La ŝipo haltis subite. La boatisto ekkriis nomon, kiu batigis vian koron de artamanto . . . . *Le Louvre!* . . . Kaj vi sentas senpaciencan deziron viziti la internon de tiuj grandaj palacoj, kie vi povus admiri ĉefverkojn de pentrarto, skulptarto, arĥitekturo, kaj aliajn mirindajojn . . . .

*(Daŭrigo.)*

# ORBIS PICTUS — LA MONDO EN BILDOJ.

*(J. A. Komenský — Comenius: 1654.).*

ÚSTROJÍ ČLOVĚKA. Lebka, porostlá vlasy, drží v sobě mozek. V obličeji vidíme čelo, po jehož stranách jsou spánky, dole oči, nos o dvou chřípích, líce, ústa a bradu. Oko, v němž jest bělmo a zřítelnice, má obočí a kryje se víčkem, na jehož kraji jsou řasy. Ústa zavřena jsou rty a obsahují jazyk s ponebím a dvěma čelistmi, ve kterých sedí třicet dva zuby. Brada mužská bývá porostlá vousy. Po stranách hlavy stojí uši, které mají boltce. Na ruce jest dlaň o pěti prstech, z nichžto tyto mají tři články: ukazováček, prostřední, srdečník a malík, palec však toliko dva. Zavřená ruka zove se pěst, polozavřená hrst. Na noze jest pata, nárt a pět prstů. Každý prst končí nehtem. Uvnitř těla jsou kosti, z nichžto jest nejpřednější páteř a žebra, pak svaly a svazy, dále čivy, jimiž cítíme, srdce, žíly a tepny, jimiž probíhá krev, potom plíce, jimiž dýcháme, a posléze ústrojí zažívací, jako jest žaludek, játra se žlučí, střeva atd.

*LA HOMAJ ORGANOJ. Kranio kovrita de haroj entenas cerbon. En vizaĝo ni vidas frunton, je kies flankoj estas tempioj, malsupre okulojn, nazon kun du nazloboj, vangojn, buŝon kaj mentonon. Okulo, en kiu estas sklero kaj pupilo, havas brovojn kaj kovriĝas per palpebro, sur kies rando estas okulharoj. Buŝo estas fermata per lipoj kaj entenas langon kun palato kaj du makzeloj, en kiuj estas tridekdu dentoj. La vira mentono estas iam kovrita de barbo. Je flankoj de la kapo estas oreloj, kiuj havas orelkonkojn (aŭriklojn). Sur la mano estas manplato kun kvin fingroj, el kiuj la jenaj havas tri artikolojn (falangojn): la montra, meza, ringa kaj malgranda fingroj, sed la polekso havas nur du. Fermita mano estas nomata pugno, duonfermita mankavo. Sur la piedo estas kalkano, piedkolo kaj kvin fingroj. Ĉiu fingro finiĝas per ungo. Interne de la korpo estas ostoj, inter kiuj la plej ĉefaj estas spino kaj ripoj, poste muskoloj kaj tendenoj, plue nervoj, per kiuj ni sentas, koro, vejnoj kaj arterioj, tra kiuj fluas sango, poste pulmo, per kiu ni spiras kaj fine la digestaj organoj, kiel ekzemple stomako, hepato kun galo, intestoj k. t. p.*

*(Daŭrigo.)*

# IX. KONGRESO DE ESPERANTO.

(BERN 24.—31. de aŭgusto).

La amplekso de nia modesta gazeto nepre ne permesas, ke ni donu per tiu ĉi raporto plenan bildon de ĉio, kio estis dum la kongreso priparolita kaj pri kio oni decidis. Oni certe preferos legi la oficialan raporton de Centra Oficejo aŭ la apartajn eldonojn de kelkaj gazetoj, kiel ekz. de Germana Esperantisto (25 hel.) aŭ de Lingvo Internacia.

Ĉiu nia gazeto raportas pri la kongresa festaro, sed ne ĉiu parolas pri la afero mem: multaj preferas skribi en formo de vojaĝrakonto pri ĉio cetera, nur ne pri la kunsidoj kaj pri la decidoj.

Traleginte multe da tiaspecaj artikoloj, mi perfidas la metodon aŭ sistemon, laŭ kiu tia raporto estas fabrikata. La ĉefa celo preskaŭ ĉiam estas atentigi — ĉu almenaŭ pri la kongresa programo? Ho ne!, vi eraras, pri la aŭtoro, pri tio, kion li vidis kaj aŭdis, precipe kion li travivis ekster la kongresejo; atentu pri tiu ĉi tipa analizo de lia raporto: li decidiĝis veturi al la kongreso: (priskribo de lia urbo, tiea movado esper., akompano al la stacidomo), li sidiĝis en vagonaron (priskribo de kunvojaĝantoj, temo de interparolo — ju pli detale reproduktita, des pli longa kongresraporto), alveno (la unuaj renkontitoj, kies nomoj devas esti enskribitaj, ĉar ili salutis la raportanton kiel malnovaj amikoj — sekve leginda fakto), en la akceptejo (multe da konatoj, bruo, ofte ŝatata vorto „babilado" en diversaj gramatikaj formoj), trovo de loĝejo (adreso, distanco, rimarkoj tute privataj — sed notitaj) — jen duono de la raporto. La „granda semajno" ne kaŭzas plu tiom da laboro: pri la teatraĵo, koncerto, kantoj, k. s. oni parolas — memkompreneble — kiel pri la plej bela okazintaĵo; ŝatataj esprimoj konvenaj por laŭdi estas: bela, tre bela, belega, mirinda, elokventa, rava, entuziasmiga k. t. p. laŭ plaĉo. Tia speco de raportado permesas ĉeesti eĉ du aŭ tri samtempajn kunvenojn kaj krom tio ankoraŭ sidi en kafejo aŭ promeni en parko. Pri la kunvenoj fakaj oni preskaŭ neniam skribas en la raportoj, kvankam ĉi tiuj meritus esti konsiderataj kiel la plej gravaj, sed — kie ne estas akuzanto, tie ne estas juĝisto. Fine proksimiĝas la lasta tago: en la raporto devas esti notite, ke la granda festo havis plenan sukceson (sukceso povas esti ankaŭ granda, grandioza, antaŭvidita aŭ neatendita, bonega, meritita, ĉiuflanka). Poste kelke da frazoj esprimantaj bedaŭron, fine promeso de revido la proksiman jaron, diktipe presita linio: G̑ i s l a r e v i d o e n P a r i z o! (modelo por 1913).

Jen skemo, kiu povas kontentigi ĉiun, kiu bezonos iam verki similan raporton. Kaj la legantoj tiel kutimiĝis je tiu ĉi sistemo,

ke ili eĉ per unu vorto ne elmontras kritikeman animon; ho jes, estas vera ripozĝuo digesti tian raporton.

Post kiam mi elperfidis la sekretojn de raportanto kaj por ke mi sekve ne falu en fosaĵon, kiun mi mem malkovris, mi sentas min devigata serĉi alian vojon, laŭ kiu mi atingus la celon:

Jen mi staras do antaŭ la tasko, kiun tamen mi ne konsideras tro malfacila: mi skribu pri la okazintaĵoj en Bern sen epitetoj, sen superfluaj vortoj. La nodo tuj estos dishakita:

Dum la kongreso aperis 6 n-oj de „Oficiala kongresa gazeto". Kvankam la programo de la kunsidoj estis eldonita en kelke da formoj (sur aparta folio, en broŝuro en la Kongresa libro) tamen la Of. gazeto fidele ĝin kopiadis, parton post parto. Oni scias, ke samtempe kun la IX. Universala Kongreso Tutmonda okazis la IV. Kongreso (t e. ĝenerala kunveno) de U. E. A. Oni sekve ne povas riproĉi la redakcion de la Of. kongresa gazeto, kiu estis aldono al „Esperanto", organo de U. E. A., ke ĝi parolis preskaŭ sole pri kunsidoj de U. E. A. kaj ke ĝi raportis pri la kongreso mem nur plej mallonge — en stilo telegrafa. Ĝi estas sendube atentigilo por la kongresa komitato, ke ĝi zorgu en estonteco mem pri sia gazeto, se ĝi volos doni al s i a j gastoj informojn pri s i a laboro. Tralegante hodiaŭ la raportojn, mi citas el ili:

La festoj okazis plejparte en „Kazino", la kunsidoj de fakaj societoj en ĉambroj de la universitato. La solenan malfermon partoprenis pli multe ol 1100 Esperantistoj, inter kiuj estis ankaŭ multe da gastoj. Prezidanto de la K. K. K. generalo Sebert malfermis la kunsidon, kiu elektis s-on J. Schmidt kiel prezidanton de la kongreso, s-ojn de Saussure kaj Ed. Stettler kiel vicprez., s-on G. Chavet kiel ĝen. sekretarion. Post tralego de la salutoj parolis r. prezentantoj de kelkaj ŝtatoj (Costa-Rica, Hispanujo, Kantono Bern, Massachusetts, Maine, Pensylvania) kaj de internaciaj korporacioj. La germanlingva saluto dirita de honora prezidanto kolonelo E. Frey, eksprezidanto de la Svisa Federacio kaj direktoro de la Internacia Oficejo de Telegrafoj estis tradukita en Esperanton. Tiun ĉi unuan kunsidon fermis salutoj de 24 naciaj delegitoj kaj solena transdono de ora medalo al dr. Zamenhof, kiu ĉeestis la kongreson kun sia familio — sed laŭ sia pasintjara promeso, kiel simpla pioniro de nia afero. Kaj vere, lia modesteco pli mirigas ol la malmodesteco de pli ol unu el tiuj partoprenantoj, kiuj ĉiel serĉas okazon por refoje kaj denove sin vidigi, sin aŭdigi. Dum majesta orgenludo forlasas la anaro la salonon kaj viciĝas en la apuda strato sub naciaj standardoj por ekmarŝi procesie tra la urbo kaj por fine fari ovacion al kreinto de Esperanto. (Refoje ŝtono de falpuŝiĝo: la organizintoj ne havis tempon informiĝi pri la diferenco inter ŝtato kaj nacieco. Jam la unuan tagon ili invitis al kunveno „laŭ nacie-

coj" per afiŝeto „Aŭstrioj". Ĉe la aranĝo de la procesio oni solvis la aferon plej sprite: por ne erari — oni rekomendis sub la verdan, komunan standardon ĉiujn anojn de la negrandaj nacioj, eĉ se estis da ili pli multe ol dek enskribitaj en la Kongresa libro! Da Bohemoj ĉeestis eble dudeko).

Je honoro de la kongresanoj estis vespere elektre lumigita la turo de la katedralo; matene okazis en la katolika, hebrea kaj protestanta preĝejoj diservo kun esperanta prediko. *(Daŭrigo.)*

# NEKROLOGIO.

Unu el la ĉefaj pioniroj de nia movado en Francujo — prof. **Carlo Bourlet** — mortis: englutinte fiŝoston, li devis sin submeti al operacio, kiu bedaŭrinde ne sukcesis. En plena forteco, 47-jara, en momento, kiam li ekrikoltis la fruktojn de sia dektrijara propagando poresperanta, kiam li preparis sin por valorigi sian bone konatan energian laboron ĉe organizado de la X. Kongreso — li forlasis niajn vicojn. Ne sole la parizaj Esperantistoj, kies Grupon li sukcesis kiel prezidanto loĝigi, danke sian influon, en Sorbonne, sed la tutmonda esperantistaro admiris lian ĉiuflankan agemon: dekoj da novaj kluboj fondiĝis post liaj paroladoj en Francujo, Belgujo kaj eĉ en Germanujo. Kun helpo de Turing Klubo kaj de f-o Hachette li reorganizis la propagandon en Francujo; kiel vicprezidanto de la K. K. K. li helpis al organizado de la kongresoj kaj valorigis sian talenton de redaktoro fondinte en la jaro 1906 la fame konatan „Revuon", en kies ĉiu numero li konversaciis kun siaj legantoj kiel sprita felietonisto. — Ne sole inter Esperantistoj estis Bourlet konata laboranto, sed ankaŭ la mondo scienca ŝatas liajn servojn. Kiel profesoro de matematiko li verkis multe da libroj uzataj nuntempe en la francaj lernejoj.

Prof. Bourlet mortis la 12. de aŭgusto en Annecy kaj estis enterigita en Parizo. Super lia tombo faris adiaŭan paroladon Dr. L. L. Zamenhof, prof. Bricard kaj G. Chavet, kiuj konigis al centoj da funebraj gastoj la nevelkemajn meritojn de la mortinto.

Al lia nekonsolebla familio kaj al la tuta franca esperantistaro ni esprimas nian korfundan kondolencon.

## PAROLADO DE DR. ZAMENHOF SUPER LA TOMBO DE CARLO BOURLET.

„En la germana banloko, kie mi estis, atingis min tute subite la doloriga sciigo pri la morto de tiu, pri kiu ni nun ĉiuj funebras. Ĝi trafis min tute neatendite, kiel frapo de tondro. Mi rapidis veni ĉi tien, por doni al la kara foririnto mian lastan, tre malĝojan saluton. Mi tute ne havis la tempon por min prepari, por ke mi povu prezenti al vi ĝustan bildon pri la tuta historio

de agado kaj pri ĉiuj meritoj de tiu, kiun ni perdis; tial pardonu, ke mi parolos nur mallonge, ke mi ne prezentos al vi historion, sed nur esprimos iom miajn sentojn. La historion sendube skribos pli aŭ malpli frue aliaj personoj kaj ili certe povos rakonti tre multe.

La foririnto estis scienculo, li estis socia aganto kaj tiel plu, sed de ĉi tiuj flankoj mi persone ne konis lin multe, mi konis lin nur kiel Esperantiston; tamen tuj de la unua momento, kiam mi ekkonis lin kiel Esperantiston, li ĉiam staris antaŭ miaj okuloj kiel homo tiel grava kaj tiel meritplena, ke ĉiufoje, kiam mi pensis pri la sorto de Esperanto, pri ĝia progresado, pri ĝia batalado, pri ĝiaj esperoj por la estonteco, ĉiam sur la unua plano staris antaŭ mi la bildo de Bourlet.

"Oni multe laboris por Esperanto antaŭ Bourlet, sed de la momento, kiam li aliĝis al nia anaro, en nian aferon enverŝiĝis ia nova energio. Tuj post sia apero li komencis propagandon viglan, kiu ĝis tiam ne estis multe konata en Esperantujo. Li altiris al nia afero gravan firmon, kiu al la tiam ankoraŭ malforta Esperanto donis potencan apogon kaj fortan puŝon antaŭen. Li komencis seriojn da publikaj paroladoj, sed tiuj paroladoj ne estis sole teoriaj, ĉiu parolado sekvigis fondadon de grupo Esperantista. En Parizo li fondis grupon, kiu per sia bonega organizo kaj vigla laborado baldaŭ fariĝis imitinda modelo por ĉiuj aliaj grupoj esperantistaj en la mondo. Al lia senlaca iniciatado, instigado kaj helpado ni ŝuldas grandan riĉiĝon de nia literaturo kaj aperon de plej gravaj verkoj pri kaj en nia lingvo, al lia iniciato kaj energia laborado ni ŝuldas la fondiĝon de gravaj institucioj, kiel ekzemple la Internacia Scienca Asocio kaj aliaj. Li laboris ne sole en sia lando kaj en sia urbo: por multaj lokoj, kie oni bezonis helpon, aŭ kie aperis ia danĝero por nia afero, Bourlet, la energia helpanto de nia kara Generalo Sebert, ĉiam estis preta kun sia laboro kaj helpo. Sed unu el la plej gravaj roloj de Bourlet estis ĉe niaj Kongresoj. Ĉiuj aranĝintoj de kongresoj de Esperanto scias tre bone, kiom multe Bourlet laboris por ĉiu kongreso, antaŭ ĝi, dum ĝi kaj post ĝi. En la jaro 1914 Bourlet estis aperonta antaŭ ni kiel rekta kaj senpera organizanto de la Kongreso en lia propra urbo, de la Kongreso en Parizo; jam antaŭ pli ol unu jaro li komencis plej energian preparadon de tiu Kongreso, la Kongreso promesis esti grandioza, la tuta mondo Esperantista, konante tre bone la organizajn kapablojn de Bourlet kaj lian eksterordinaran energion, atendis tre multe de tiu Kongreso kaj prepariĝadis veni en tre granda nombro. Sed ho ve, la senkompata morto diris sian kruelan vorton."

Mi ne volas plu paroli. Ne ĉiuj Esperantistoj scias, kiom multe nia afero ŝuldas al nia kara foririnto. Venos la tempo, kiam ĉiuj Esperantistoj ekkomprenos, kiel gravega estis la laborado de Bourlet, kaj tiam, — ho ve, tro malfrue—ili rekompencos al lia ombro tiun sendankecon, kiun li de kelkaj flankoj suferis, dum li vivis.

Al la nekonsolebla edzino kaj al ŝiaj gefiloj mi povas certigi, ke en la mondo de la Esperantistoj la memoro pri la kara foririnto neniam mortos.

Vi, ombro de nia kara amiko kaj kunbatalanto, akceptu mian funebran saluton kaj per mi la saluton de tiu afero, por kiu Vi tiel multe kaj sindone laboris.

# JAZYKOVÝ RÁDCE — LINGVA FAKO.

(*Přeložte)*: Znamení úcty. Japonský vyslanec Iwaleura přijel po prvé do Evropy a navštívil Amsterodam; hlouček uličníků, kteří hráli si na nábřeží a kteří asi nikdy do té doby neviděli Japonce dělali za ním dlouhý nos. Vyslanec, neznalý tohoto posuňku, tázal se svého průvodčího ryt. Van Lieboida na vysvětlení; ten váhal říci hned pravdu a pomohl si vytáčkou, že tento pozdrav jest v Nizozemsku znamením nejvyšší úcty k cizinci. Vyslanec byl tudíž nejen spokojen ale i nadšen. Druhého dne súčastnil se slavnostního slyšení u krále Viléma. Jakmile se objevil před panovníkem, jal se zdraviti jej způsobem kterému se byl včera naučil a celá družina jej napodobila. Rytíř Van Liebold věděl, že on jest původcem této nemilé situace a hledal spásnou myšlenku; brzy se vzpamatoval a s tváří vážného dvořenína vysvětloval králi, že tento posuněk jest v Japonsku obvyklým pozdravem státníků a vladařů. Situace byla zachráněna. Panovník jakož i všichni dvořané kloníce se, vítali japonské hosty — rovněž dlouhými nosy. (*Překlad viz v č. 8.)*

(*El Denis)*: Ferdinando, antaŭ ol li subskribis la verdiktojn pri mortigo, konsiliĝis kun siaj kutimaj konsilantoj. La kondamnitoj estis pro sia fervoreco por la kredo, pro siaj servoj kaj sia gloro „floro de nia nacio, kandelo kaj subteno de la patrujo“; estis inter ili eminentaj juristoj, gloraj verkistoj, famaj politikistoj; ilin mortekzekuti, signifis tiom, kiom senigi Bohemojn je la krono, veki neforigeblan malamon, elfosi inter la nacio kaj la dinastio sangan fosajon Sola kortega imperia konsilanto Strahlendorf rekomendis en pli granda mezuro pardoni. Multaj partianoj de Ferdinando avidis heredajon de la kondamnitoj, kardinalo Dittichštajn insiste petis la imperiestron. ke li ne timu la bezonajn mortekzekutojn. Ferdinando post nokto angorplena skribis sian testamenton, kiu superfluis per mistika pieco, poste li subskribis la verdikton de morto super la 27 kondamnitoj. Tiam li ekiris al Maria Zell por oferi al la mirakla Virgulino Mario oran kronon, valorantan 10.000 guldenojn.

**Pri *„daŭri“* kaj *„ĉesi“*.** — „Daŭri“: esti plue, ne esti finita; „ĉesi“: komenci ne . . . i, aŭ komenci ne esti. El tiu signifo sekvas la reguloj de uzado de tiuj vortoj kaj de iliaj devenajoj „daŭrigi“, „ĉesigi“ k. t. p. Ekzemple: oni povas diri: „la laboro daŭras“ (la laboro estas plue, ne estas finita), sed oni ne povas diri: „mi daŭras labori“ (mi estas plue labori! mi ne estas finita labori!); ankaŭ ne estas bone diri (kiel mi mem bedaŭrinde faris kelkfoje): „mi daŭrigas labori“ (mi igas esti plue labori!); oni devas diri: „mi daŭrigas mi*an* labor*on*“ (mi igas mian laboron esti plue) aŭ „mi laboras plue“. Oni povas diri: „mi ĉesas labori“ (mi komencas ne labori) aŭ „la pluvo ĉesas“ (la pluvo komencas ne esti). sed ne estas bone forlogiĝi per la analogio kun „komenci“ kaj diri: „mi ĉesas mian laboron“ (mi komencas ne . . . i aŭ ne esti mian laboron!); estas preferinde diri: „mi ĉes*ig*as mian laboron“ (mi igas mian laboron komenci ne esti).

